# Hispana Esperanto GAZETO

*Eis aquí se descobre a nobre Hespanha*
*Como cabeça allí da Europa toda.*

*De ĉi tie jen nobla Hispanujo*
*Kvazaŭ kapo de la tuta Eŭropo.*
(«Os Lusiadas», Kanto III^a^, XVII.)
CAMOENS


**2a jaro MARTO 1932 N-ro 12**

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ORGANO OFICIAL DE LA
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA

*Redakcio kaj Administracio:*
SAGASTA, 10. - MADRID (HISPANUJO)





TIPOGRAFIA CHULILLA Y ANGEL
Torrecilla del Leal, 17
Teléfono 71926

# A LOS MIEMBROS DE H. E. A.

Por nuestra actuación, la Asociación representa un valor moral y material de que debemos responder en todo momento, que no podemos, de ninguna manera, abandonar y dejar a merced de personas que no han intervenido en la creación de esos dos valores, los cuales, honrada y hábilmente utilizados, colocan a la Asociación en el inicio de una época de evolución y progreso prometedores de abundante fruto. Pese a cuanto se diga, los hechos son la mejor demostración de la eficacia de un organismo, y el nuestro pone ante los ojos de todos los esperantistas hispanos el estado de su Caja con SEIS MIL OCHOCIENTAS SESENTA Y CUATRO PESETAS; una publicación mensual, HISPANA ESPERANTO-GAZETO, propiedad de la Asociación, gratuita para los asociados; material librable en condiciones económicas, como el libro de poesías de nuestro llorado Rafael de San Millán, y «Universala Terminologio», de S-ro. Francisco Azorín, etc.; cuanto significa la obra realizada y fructífera cerca de los gobernantes del pasado régimen y la llevada a cabo en los pocos meses de régimen republicano, creyendo que lo relacionado sea bastante para evidenciar lo que nos proponíamos.

Pero la Asociación tiene una filial, que es el INSTITUTO ESPAÑOL DE ESPERANTO, el cual ha librado a aquélla del pago anual de 50 pesetas a la Academia de Esperanto, cantidad que donamos por acuerdo de la Asociación, para contribuir al sostenimiento de dicha Academia; la Caja del Instituto tiene actualmente NOVECIENTAS TREINTA Y SIETE PESETAS sesenta céntimos, después de haber gastado más de DOS MIL PESETAS; posee magníficos clichés para los diplomas y la tirada de éstos, de los que han sido extendidos unos TRESCIENTOS, entre los que se entregaron a los miembros del Instituto (40) y los correspondientes a los que presentaron sus trabajos para optar a los grados elemental y superior; dispone también de material, y todo ello alcanzado en cinco años de funcionamiento.

Es, pues, evidente que nuestra Asociación alcanza hoy un positivo valor, que tiene que ser leal y honradamente conservado y utilizado; pero esto no quiere decir, no quiere suponer, que el resto de los esperantistas hispanos que viven fuera de la Asociación no puedan disfrutar de él, ni colaborar en su utilización, conservación y acrecentamiento, sino todo lo contrario, pues, precisamente, su colaboración acrecentaría la fuerza de la Asociación, bastando afiliarse a ella y venir a sumarse a los que hoy la integramos.

Debe tenerse muy en cuenta que nuestro organismo esperantista, por depender única y exclusivamente de la voluntad individual en absoluta libertad, tan sólo condicionada a manifestarse en su actuación esperántista, dentro del conjunto, carente de todo matiz político, social y religioso, no puede someterse a imposición de ningún género que vulnere aquella libertad; y por esto es por lo que el proyecto de nuevos Estatutos deja al arbitrio individual cuanto atañe a subagruparse o permanecer aislado dentro del todo, aunque, por alcanzársele las ventajas de las subagrupaciones, recomiende éstas, les reconozca completa libertad y les prometa toda la colaboración posible, puesto que así los deseos y aspiraciones más opuestos tendrán posibilidades de actuación en cada campo respectivo. Con lo dicho terminamos para siempre este asunto.

Por la Directiva de H. E. A.:
*El Presidente provisional,*
JULIO MANGADA ROSENORN

---

## HISPANA ESPERANTO ASOCIO

celas liveri kiel eble plej malkare verkojn al siaj membroj speciale, kaj sufiĉe malkare al ceteraj samideanoj enlandaj kaj eksterlandaj, ĉar ĝi ne atentas komercan gajnon, sed nur esti utila al la samideanaro kaj al ESPERANTO; tial proponas malaltajn prezojn al Naciaj Asocioj, Grupoj kaj librovendistoj. «MIA POEZIO» de Rafaelo de San Millán estas rimarkinda poemaro, kiun Hispana Esperanto Asocio liveras al ĉiuj siaj membroj po 50 centimoj el peseto; po 1 peseto 25 centimoj, al ĉiuj enlandaj samideanoj ne apartenantaj al H. E. A., sed nepre estos aldonata al tiuj prezoj la rekomendita poŝtelspezo. Asocioj, Grupoj kaj Librovendejoj fremdaj, povos havigi al si la libron per tre malalta prezo: 0,50 sv. fr. po specimeno, kondiĉe ke ili mendu CENT SPECIMENOJN. Prezo por sola specimeno al fremdulo: 1,50 sv. fr. Interesatoj sin turnu al Sekretario de H. E. A., S-ro Mariano Mojado (strato Abascal, 13). ĈIAM ANTAŬPAGU LA MENDITAĴON!

Baldaŭ la Asocio aperigos «La Kreitaj Profitoj» de la tutmondfama verkisto JACINTO BENAVENTE, kiu trafis la PREMION «NOBEL», kaj estis S-ro Vicente Inglada Ors, Akademiano de Esperanto, la tradukinto. La apero iom dependas de la sukceso de la unua eldonitaĵo; sed esperinde estas, ke oni konscios aĉetinda «MIA POEZIO'N».

## ASOCIACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA
### (HISPANA ESPERANTO ASOCIO)

**Balance general de fondos correspondiente al ejercicio de 1931**

| *DEBE* | PESETAS |
|---|---|
| Existencia en metálico en 31 de diciembre de 1930......... | 3.266,43 |
| Ingresado por cuotas de socios.......................... | 543,50 |
| Idem por subvención del Ministerio de Instrucción Pública y Bellas Artes.............................. | 5.000,00 |
| *Suma el DEBE*.................. | 8.809,93 |

| *HABER* | |
|---|---|
| Abonado a la Hacienda, por el impuesto del 1,30 por 100 sobre la subvención de 1.000 pesetas concedida en 1930 | 13,00 |
| Pagado a «Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj Esperantistaj», por la subvención de 1931........... | 202,20 |
| Idem a «Universala Esperanto Asocio», por las cuotas correspondientes a los años de 1930, 1931 y 1932...... | 45,00 |
| Idem por un ejemplar de la obra «Leyes Políticas de España», entre las que figuran las de Asociaciones y de Imprenta ................................ | 3,00 |
| Idem por efectos y material de escritorio y gastos de Secretaría | 92,85 |
| Idem por premio de cobranza a domicilio.................. | 7,20 |
| Idem por circulares de propaganda....................... | 34,00 |
| Idem por pólizas y timbres móviles para instancias y otros documentos ........................... | 12,60 |
| Idem a los señores Chulilla y Angel, por la composición, papel y tirada de 1.000 ejemplares de los números 1 a 10 (1 a 9, más un extraordinario) de la revista HISPANA ESPERANTO-GAZETO ....................... | 1.400,00 |
| Idem por un cliché para la portada de la revista........... | 10,90 |
| Cargado por la Hacienda, al hacer efectiva la subvención de cinco mil peestas concedida a la Sociedad.......... | 124,25 |
| *Suma el HABER*.............. | 1.945,00 |

RESUMEN

| | |
|---|---|
| Importa el DEBE................................ | 8.809,93 |
| Idem el HABER................................ | 1.945,00 |
| *Existencia en Caja en el día de hoy......* | 6.864,93 |

Madrid, 31 de diciembre de 1931.

*El Tesorero*, JULIÁN SOSA.—Intervine: *El Secretario*, MARIANO MOJADO.—V.° B.°: *El Presidente*, JULIO MANGADA ROSENORN.

## LA BERBEROJ

(*Daŭrigo*)

### II

Nepre fatale pro denseco de la loĝantaro kaj de la barbara agrikulturo, la *kabila'* estas ĝenerale malriĉa. Ĝia konsisto estas vere mirinde demokrata, kaj oni povas konstati ke la plej ampleksa kaj kompleta socialismo estas realaĵo en la *kabila'*, kiu sin administras laŭ la mirindaj principoj pri ofero de ĉiuj al iu, kaj de iu al ĉiuj. Kaj ĉi principoj de la kabila devenas de la plej antikvaj tempoj de la berbera historio, tiel, ke la klera araba historiisto *Ben Kjaldun* konsideris la berberojn tiel altrangaj kiel la arabojn, persojn, grekojn kaj romanojn.

La titana kuraĝo kaj la fiera spirito egalema kaj sendependa de la berberoj estis ĉiam legendaj, rimarkindaj, laŭ ĉiuj popoloj konkirintaj la nordokcidentan Afrikon.

Malnova araba tradicio rakontas, ke *Aicha* (*Aiĉa*), edzino de la Profeto, tagon, renkontis fieran junulon, arogantan, fortikan kaj belproporcian, kies nigraj haroj vidiĝis komplike plektitaj; kaj *Aicha* demandis:

—Al kiu tribuo, inter ĉiuj nacioj, apartenas ĉi tiu junulo?

—Li estas berbero—oni respondis al ŝi.

Kaj ŝi sin turnante al la junulo redemandis: —Kiel estas tiuj de via raso?

Kaj la junulo respondis trankvile firme kaj klare:

—La berberoj honoras la virinojn, akceptas noble la gastojn kaj metas bridojn al la reĝoj same kiel oni faras al la ĉevaloj por ĉi tiujn dresi kaj gvidi.

Granda araba historiisto, *El Bekri*, estas dirinta: «Ni, araboj batalas por havigi al ni la *dinares* kaj la *dirjemes*; la berberoj batalas por la bono de sia raso kaj la gloro de *Allah*.»

En la *kabila* estas enigmaj, nekonotaj aspektoj, kiuj aperas envualigite same kiel la vizaĝoj ravantaj de la maŭrinoj, kaj unu el tiuj aspektoj, tiel kompleksa kaj enombrigita kiel singulare interesa, estas tiu, kiu koncernas la virinon.

La berbero estas monogamo sin dediĉante fervore kaj fidele al sia sola edzino, ĉar li neniam posedas tiujn belajn sklavinojn nigrajn, kiujn ŝategas la altrangaj maŭroj.

La berbera virino spite de l' Islam, spite de la kutimo ĉe l' *Mogreb* kaj Oriento, ĉiam vidigas sian vizaĝon el brilanta haŭto kuprokolora, kun nigraj pupiloj elradiantaj, kun ruĝaj lipoj vidigantaj fortan vivon. Ŝi nun same, kiel dum bibliaj tempoj, iras sola tra la kamparo, kaj ĉe la antikvaj fontanoj belaj rakontas al siaj samtribuaninoj la historiojn de la tribuo kaj proponas akvon al la ĵus alvenintaj karavanoj kovritaj de polvo kaj rostigitaj de la suno, ĵus alvenintaj de la malproksimaj komerclokoj de l' dezerto. Kiam ŝi estas vidvino, ŝi estas plenrajta pri sia havaĵo sen partopreno de administrantoj.

(*Daŭrigota*).

## NUEVO DICCIONARIO ESPAÑOL-ESPERANTO

Nuestro querido samideano y amigo, el presbítero don Mariano Mojado, Secretario de la SOCIEDAD ESPERANTISTA ESPAÑOLA y Presidente del INSTITUTO ESPAÑOL DE ESPERANTO, ha terminado su *Diccionario Español-Esperanto*. Se compondrá éste de un volumen de más de 1.000 páginas, con más de 52.000 palabras en español y unas 160.000 en esperanto.

Cónstanos también que ya ha empezado los trabajos del *Diccionario Esperanto-Español*, si bien no podrá dedicarse a ellos, por ahora, con mucha intensidad, porque aplica todas sus actividades a la preparación del Congreso Nacional de Esperanto que ha de celebrarse en Madrid en el próximo mes de mayo. Espera, sin embargo, tenerlo terminado para mayo de 1933.

Nos limitamos a dar escuetamente estas noticias, ya que es sobrado conocida en *Esperantujo* la personalidad de nuestro *pastro* Mojado, y no necesita, ni seguramente quiere, que le dediquemos las alabanzas que merece por la asidua labor que dedica a la difusión del Esperanto en España.

## LA DEK DEVOJ DE L' ESPERANTISTO

1. Bone sciu la lingvon, traktu ĝin kun respekto kaj lasu la versfaradon al poetoj.

2. Esperanton uzu parolante, studu legante kaj ne fuŝu skribante.

3. La plibonigistoj diskutu, vi fundamenton sekvu kaj fidela restu.

4. Propagandu ĉiam, ne ĉie; klarigu, ne prediku; rakontu faktojn, ne esperojn.

5. Kion vi povis lerni nur en unu semajno, ne instruu en unu horo; el malgravaĵo ne faru regulon kaj el regulo ne faru malgravaĵon.

6. Verkante en Esperanto, ne kredu interno kion nacilingve neniu legus; ne imagu, ke preseraroj plibeligas libron; ne malesperu se mankas aŭdantoj.

7. Al grupo aliĝu; la kunvenon vizitu; Esperanton parolu.

8. Atentu, ke internacia lingvo vivos nur per uzado; memoru, ke tial internacia organizaĵo estas necesa; senlace varbu por U. E. A.

9. Legu gazeton, por ke vi konu novajn faktojn; abonu por ke ĝi povu ekzisti; kunlaboru, por ke ĝi estu interesa.

10. Por Esperanto kiel movado agu; por ĝi kiel realaĵo pagu kaj kiel altan idealon konservu ĝin en via koro.

(El *Jarlibro* de U. E. A.).

---

## INTERESA AVIZO

**«UNIVERSALA TERMINOLOGIO» de S-ro Francisco Azorín estas abonebla po SES sv. fr. Abonanto ricevos senpage kun la kajeroj de la verko ĉi tiun «Gazeton». Baldaŭ estos pretaj kelkaj kajeroj de la «Terminologio» kies kompleta eldono estas asekurita.**

**Por aboni ĝin sendu la monon al S-ro Mariano Mojado, Sekretario de «Hispana Esperanto Asocio», strato Abascal, 13.-Madrid.-Hispanio.**

## ELEKTITAJ PAĜOJ

# LA VOJO

Tra densa mallumo briletas la celo,
Al kiu kuraĝe ni iras.
Simile al stelo en nokta ĉielo,
Al ni la direkton ĝi diras.
Kaj nin ne timigas la noktaj fantomoj,
Nek batoj de l' sorto, nek mokoj de l' homoj,
Ĉar klara kaj rekta kaj tre difinita
Ĝi estas, la voj' elektita.

Nur rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante
Ni iru la vojon celitan!
Eĉ guto malgranda, konstante frapante,
Traboras la monton granitan.
*L' espero, l' obstino* kaj la *pacienco*,—
Jen estas la signoj, per kies potenco
Ni paŝo post paŝo, post longa laboro,
Atingos la celon en gloro.

Ni semas kaj semas, naniam laciĝas,
Pri l' tempoj estontaj pensante.
Cent semoj perdiĝas, mil semoj perdiĝas,—
Ni semas kaj semas konstante.
«Ho, ĉesu!» mokante la homoj admonas,—
«Ne ĉesu, ne ĉesu!» en kor' al ni sonas:
«Obstine antaŭen! La nepoj vin benos,
Se vi pacience eltenos».

Se longa sekeco aŭ ventoj subitaj
Velkantajn foliojn deŝiras,
Ni dankas la venton, kaj, repurigitaj,
Ni forton pli freŝan akiras.
Ne mortos jam nia bravega anaro,
Ĝin jam ne timigos la vento, nek staro,
Obstine ĝi paŝas, provita, hardita,
Al cel' unu fojon signita!

Nur rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante
Ni iru la vojon celitan!
Eĉ guto malgranda, konstante frapante,
Traboras la monton granitan.
L' espero, l' obstino kaj la pacienco,—
Jen estas la signoj, per kies potenco
Ni paŝo post paŝo, post longa laboro,
Atingos la celon en gloro.

L. ZAMENHOF

## PAGINAS ESCOGIDAS

# EL SENDERO

En densa obscuridad brilla la IDEA
que animosos seguimos;
es como estrella que en nocturno cielo
nos indica el camino.
No nos causan temor fantasmas vanos,
ni burlas, ni caprichos,
porque es muy definido, claro y recto
el sendero elegido.

¡Serenos, firmes, sin vacilaciones,
sigamos el camino!
La gota de agua, si constante cae,
atraviesa el granito.
Esperanza, obstinación, paciencia,
mostremos como signos
de que, paso tras paso, en labor ímproba,
el triunfo conseguimos.

Sembremos y sembremos sin cansancio
la vista en lo infinito;
si cien semillas fallan, mil semillas
sembremos con ahinco.
—¡Cesad!—con burla hay quien nos advierte.
—¡No ceses!—dentro oímos.
¡Adelante! Forjemos con constancia
la dicha de los hijos.

Si vientos recios o sequías largas
dejan todo marchito,
también despejan los ambientes densos
y dan vigor y estímulo.
No muere ya nuestra falanje brava;
calma y viento ha vencido;
fuerte, a prueba, obstinada, avanza
hacia el final prescripto.

¡Serenos, firmes, sin vacilaciones,
sigamos el camino!
La gota de agua, en su caer constante,
atraviesa el granito.
Esperanza, obstinación, paciencia,
mostremos como signos
de que, paso tras paso, en labor ímproba,
el triunfo conseguimos.

LUIS L. ZAMENHOF

*Traducción de* F. AZORÍN

## JEN, KIEL ONI DONIS AL MI KUKURBOJN (1)

Alfonsĉjo estas belega knabeto kun grandaj okuloj kvazaŭ babilemaj, kun rozkolora vizaĝo, kaj kiu konstante estas senripoza. Li estas eksterordinare ema al la bestetoj, kaj, laŭ lia plaĉo la hejmo fariĝus Noea Arkeo: kolomboj, kunikloj, kokidoj, hundoj, katoj, porkidoj, kanarioj, griloj..., ĉiuj estas malmultenombraj por li, kaj tial li senĉese alportas novajn al sia hejmo en kiu la patrino maltrankviliĝadas pro tio, ĉar la bestetaro ĉion malpurigas kaj laborigas. Sed Alfonsĉjo trovas riparon por ĉio: la servistaro unue zorgu ĉion por kaj pri la bestetaro, kaj se poste ne estas tempo por aliaĵo ne gravas, cetero povas restadi longedaŭre, ĉar ĉu ne estas indiferente, ke la hejmo estu pura aŭ malpura?

La lernejo estas turmentejo al li, ĉar la kalkuloj kaj geometriaj problemoj terurigas lin tiamaniere, ke, kiam iu volas deflankigi lin por eviti ke li aŭdu konversacion, sufiĉas demandi al li: «Kiom da ortaj anguloj aŭ ekvivalentaj havas triangulo?»

La knabeto ne atendas plu, li kuntiriĝas la mieno, facilmove gracile turniĝas kaj ekkuras for. Dum la plenaĝuloj komentarias kiel facile estas forigi lin de sia flanko, de la kuirejo aŭdiĝadas la rido gaja de la knabeto rakontanta al la servistaro ke oni volis ekzameni lin; sed li, tre lerta kaj ruza fiaskigis la ekzamenonton.

Sed hodiaŭ oni ne celas forigi lin, sed male, restigi lin apud ni, ĉar lia fratino diris al mi: —li ĝenadas min kiam mi estas ĉe la krado por paroli kun mia fianĉo! Obstine li volas ke mi diru al li tion kion mi diras al mia fianĉo, ĉar li ne povas kompreni ke la afero postulu tiom da tempo ĉiutage dum longaj horoj ĉe la krado.—

—Venu, Alfonsĉjo, venu. Diru al mi kiom da bestetoj ci havas.

La knabeto eksidas apud mi kaj klarigas al mi pri siaj bestetoj, pri iliaj kutimoj kaj ŝatoj, kaj kun granda ĝojo kiam li tion faras pri la bestetoj plej malŝatindaj.

—Ĉu ci estas kapabla, Manuelnjo, kisi kundon?

—Fi, neeble!

—Ĉu ne ankaŭ porkidon?

—Malpli!

—Nu; por ke ci konsciu, mi iras por alporti al ci plej malgrandetan porkidon, kaj mi kisos ĝin antaŭ ci.

(1) Kiam fraŭlino rifuzas amon de fraŭlo, en Hispanio, oni diras ke la f-ino *donas kukurbojn*, same oni diras pri malsukceso en ekzamenoj.

Li ekeliras; sed mi haltigas lin malpermesante al li foriri.

—Nu; mi ne iros por la porkido; sed ci vidos min kun rano sur mia kapo, skrupulema!

—Kial ci ne ĵetas tiun ranon en marĉon kaj tamen ci ĝin restigas en ladujo ĉe cia noktotablo? Ĉu ci ne atentas, ke ĝi estas malbela besteto? Kial kaj por kio ĝi ĉe cia dormoĉambro?

—Ĉu malbela estas la rano? Kompreneble ke ĝi estas necesa al mi, ĉar dum la nokto mi vekiĝas, kaj se mi ludus la tamburon aŭ kantus, oni admonus min; sed la vartistino eklumas kaj mi ludas kun la rano: mi metas ĝin sur mian kapon, kaj ĝi malsupreniradas laŭlonge la vizaĝo al la manoj...

Mi ne povas min deteni kaj ekkrias. Nun estas Alfonsĉjo kiu devigas min foriri el la ĉambro ĉar li prenis la ranon kaj volas ĝin meti sur mia kapo, por ke mi ĝuu ĝiajn karesojn. Ĝustatempe alvenas la patrino de Alfonsĉjo por eviti ke la infano ĵetu en min la ranon.

—Ci estas tre malbonedukita, ĉu estas ĝentile sin konduti tiel al amikoj venintaj al cia hejmo? Sed ci ne estas kulpa, kaj jes cia vartistino tiel konsentema je ci. Ni estos devigataj forigi ŝin.

Alfonsĉjo ĉagreniĝas, lia vizaĝeto elmontras doloron, liaj okuloj eklarmas, kiam li aŭdas pri la forigo, kaj li petas ke la patrino ne tion faru, ne forigu Ramoninon ĉar li promesas estu de nun bona.

Liaj okuloj denove elradias kaj ekridetanta, li diras mallaŭte al mi: —Kiel estas eble ke ci timu ranon, ke tiel granda virino havu tian timon... ĥa, ĥa, ĥa. Se ne forigus Ramoninon, je ĉi tiu nokto, mi metus la ranon en vian liton kaj kiam ci estus dormanta, ĝi tikletus vin.

Jen ree ni solaj, kaj mi timas, ke Alfonsĉjo iru serĉi ĉu la ranon ĉu alian besteton. Li, rimarkinte ke mi rigardas de unu loko en alian, diras: —Ne; ne serĉu Pilnjon, ŝi paroladas kun la fianĉn. Ĉu ci volas ke mi iru kaj kaŝe aŭdu tion kion ili parolas kaj poste mi sciigu tion al ci?—

—Ne; karulĉjo, ĉar mi scias tion!

—Ha! Ĉu mia fratino diris al ci la mendon al la fianĉo kaj al sia «belega frateto» ŝi ne volas tion diri?

—Ĉu mendo?

—Jes; Pilnjo diris, ke ŝi devis mendi ion al sia fianĉo, kaj por ke neniu sciu pri la mendo, ŝi parolas tre mallaŭte kun li.

Mi ekridas, kaj tial ke Alfonsĉjo rigardas mire min, mi diras: —Mi ne scias la mendon, sed mi ĝin supozas.

Liaj grandaj okuloj rigardas malice min, poste li ridas kaj fine dires: —Mi jam scias kial Pilnjo parolas mallaŭte: estas por ke

panjo, kiu estas ĉe sia laborĉambro, kontraŭ ili, ne sciu ke mia fratino havas fianĉon; sed mi konigos al li la aferon. Jes, mi konigus la aferon al panjo se mia fratino ne sciigus al mi la mendon, kiun ĉiutage ŝi faras al sia fianĉo.

—Ne diru malsaĝaĵojn! Ĉu ci volas ke ni agu ion? Morgaŭ mi min starigas ĉe la krado, kiel Pilnjo; ci eliras al la strato kaj parolas kun mi. Ĉu ci volas esti mia fianĉo, karulnjo?

Alfonsĉjo miris terure, ĵus aŭdinte mian demandon; li stariĝis decide kaj rigardante min fikse, diris: —Ĉu mi edziĝi kun ci? ¡¡¡Neniel, neniel!!!

—Tiel, do, ci ne min amas? Nu; tial, mi ne revenos al cia hejmo; mi ne ludos kun ci; mi ne pentros kastelojn al ci...

—Ami cin, jes, multe, konsciu...—kaj li suprensaltante sur miajn genuojn brakpremadis kaj ŝmacadis min; —Sed, kio estus al mi, se mi edziĝus kun ci? Nun, almenaŭ mi libertempas ĉiuĵaŭde kaj ĉiudimanĉe; sed ci estas instruistino, kaj ci tial devigus min sidadi en angulo tutan tagon por ĉiam lernadi, sen permeso por ke mi ludu kun la griloj, neniel. Eĉ des pli ĉar ci demandadas pri trianguloj kaj aliaĵoj komprenataj de neniu.

Mi ridadis kaj promesis al li ne tion fari; sed li rediris: —Ciaj promesoj estas malveraj; ci volas trompi min. Fi, mi ne volas edziĝi kun ci!

Mi min montris ofendita, kaj tial ke ĝustatempe eniris la patro de la rifuzinto, ŝajnigante seriozon, mi diris: —S-ro Ludoviko, mi ne revenos al ĉi tiu domo; Alfonsĉjo ne amas min; mi diris al li, ke li fariĝu mia fianĉo, kaj li diris ke li ne amas min, ke li ne edziĝas kun mi.—

S-ro Ludoviko prenis ĵurnalon kaj ĉi tiun etendis antaŭ sia vizaĝo por ke mi ne vidu lian vizaĝon kaj serioze laŭ eblo diris al la infano: —Ci, infano, edziĝos laŭ ordono de la patro, kaj, ĉar Manuelnjo volas esti cia edzino, ci edziĝos kun Manuelnjo.—

Mi rimarkis kiel la okuloj de la infano eklarmiĝis, kaj li, alproksimigante sian delikatan buŝon al mia orelo, tre mallaŭte por ke la patro ne estu andanta, diris al mi: —Bone, mi adziĝos kun ci; sed mi certigas al ci, ke ci ne ĉagrenos min per lecionoj pri anguloj; mi forkuros al Madrid aŭ al kiu ajn loko, por ke neniu vidu min plu.— Poste li stariĝis kaj plorema iris al la vartistino por rakonti al ŝi sian malfeliĉon: oni volis lin edzigi perforte... kaj kun instruistino!

MANUELA GALLARDO GOMEZ

# ORIENTAJO

(el JOZEFO ZORRILLA).

Knabin' el la silka ĉapo,
tiu de la blanka drapo
kaj malgranda ventumil',
po jeso de cia kapo
donus Granadon Boabdil'.

———

Li donus po ciaj haroj
cent lancojn kiel ofero
kaj kun ĉiuj fruktarbaroj
tutan bordon de l' rivero.

———

Li donus festojn de taŭroj
kaj ankaŭ sian gajecon,
kun la ĝojkrioj de l' maŭroj
de l' kristanoj la bravecon.

———

Li donus, krom la juveloj,
tapiŝoj kaj armilaroj,
zafirojn por la oreloj,
briliantojn por la haroj.

———

Ĉar ciaj belaj okuloj
enhavas brilan tagiĝon
ili estas ja speguloj
semantaj sunan lumiĝon.

———

La lipoj estas rubeno
rompita je du duonoj
kaj prenita en ĝardeno
el unu de Dio kronoj.

———

El lipoj ŝprucas la rido;
la paco, el la mieno
ĝojiga, kiel la vido
de ruĝkolora mateno.

———

Kia belec' kristanina
por haremo orienta,
kun sia harar' senfina
sur sia gorĝet' arĝenta!

———

Kaj sur la lito velura
kun floroj el fortaromo,
ĉe la buŝ', ridet' plezura
kvazaŭ anin' de Mahomo!

———

Venu Kordobon, amata;
tie, mia sultanin',
la sultano sklavigata
por ĉiam amegos vin.

———

Li donos al ci riĉaĵojn
tiom da tunisa oro
ke ci juĝos malgrandaĵo
por lin pagi, via koro.

———

Knabin' el la silka ĉapo
po jeso de cia kapo
donus reĝlandon Boabdil'.
Kaj mi donus, ĉarmulino,
mil ĉielojn, karulino,
ho! se ili estus mil.

(*Trad.*: FERNANDO REDONDO)

# PRI MITOLOGIO.

## SATURNO. LIAJ FILOJ. TITANOJ

(*Daŭrigo*)

Estas tre dece atentigi, ke Jupitero estis preferata de lia patrino; ĉi tiu lokumis lin en la insulo Kreto sub la gardo de pastroj samtempe militistoj nomataj kureteoj kaj de aliaj nomataj koribantoj, kiuj, por eviti ke Saturno estu aŭdanta la ploron de la infano, senĉese dancis, kriegis kaj frapis siajn bronzajn ŝildojn ĉirkaŭ li. Mamnutris la estontan monarĥon de l' Olimpo kaprino Amalteo, kiun Jupitero poste transformis konstelacio sed donacinte antaŭe kornon ĝian, la kornon de l' abundeco, de kiu konstante burĝonis floroj kaj fruktoj, al Nimfoj Meliseoj, ĉar ĉi tiuj vartis lin dum lia infaneco, kaj kovrinte sian ŝildon nepenetreblan per ĝia felo.

Jupitero, komandante siajn fratojn, la primitivajn Ciklopojn kaj Centimanojn kaj cent Ciklopidojn, kiuj naskiĝis dum mallibereco de la Ciklopoj, militis kontraŭ la grandaj Titanoj escepte Oceano, liaj filoj kaj la plimulto el lia posteularo. La militado estis obstina kaj kruela: la filoj de Uranuso amasigis montojn sur montojn por alveni al ĉielo, kaj ilin ĵetis per miriganta forto kaj nekredebla rapido. Ĉion atentis kaj ĉion kontraŭstaris la idoj de Saturno; sed malpli nombraj, ol siaj malamikoj, la Saturnidoj estus pereintaj sen la mirigantaj elpensaĵoj de Vulkano.

Ĉi Vulkano ne povas esti, laŭ kronologio, la filo de Jupitero kaj Juno, ankaŭ nomata Vulkano kaj pri kiu poste oni scios, tamen la kapabloj de unu kaj alia estis samaj. Ĉi tiu unua Vulkano, filo de la Ĉielo laŭ Ciceron, donis la venkon al bando de Jupitero, ĉar li elpensis kaj fabrikis la fulmon de Jupitero, la forkon aŭ tridenton de Neptuno kaj la kaskon de Plutono, kiuj estis teruraj armiloj kontraŭ la Titanoj. Ĉiuj konas la detruantan forton de l' fulmo, sed ne ĉiuj scias, ke Neptuno, per la tridento, kvietigis aŭ furiozigis la ondojn de la maro laŭ konveno por siaj sampartianoj, kaj ke Plutono, kiam necese, fariĝis nevidebla surmetante sian kaskon, kaj ankaŭ li faris nevidebla kiun ajn per la kaska surmetado. Dank' al ĉi tiuj armiloj la Titanoj estis venkataj kaj malliberigataj por ĉiam en la Tartaro aŭ infero de la malbonuloj.

Jupitero, triumfinte, estus okupinta sen kontraŭstaro la ĉielan tronon kaj eĉ la patra persekutado estis rajtiginta lin por tio; sed li respektema kaj samtempe nobla heroo, kronis sian gloron liberigante la

maljunan patron kaj donante al li la sceptron. La patro, ĵus liberigite, premiis la filon malliberigante lin: Saturno, kiel ĉiuj tiranoj, ne kredis iun kapabla kaj virtema por forgesi ofendojn, kaj malpli ankoraŭ por forlasi memvole la regadon al alia; sed la dekretoj de l' Destino plenumiĝis, kaj Jupitero, indignite de la patra nedankemo, forprenis de li la regadon kaj lin elpelis al la Tero.

(*Daŭrigota.*)

## LA TRI ŜPINISTINOJ

Forto estas io; sed ĝi ne sufiĉas. Intelekto estas multo; sed ĝi ankaŭ ne sufiĉas. Forto sola estas perforto. Intelekto estas ruzo. La unua montras lupajn dentojn. La dua degeneras en serpentan ruzon.

Tri diaĵoj, kvazaŭ la antikvaj Parkoj, teksas, en la nevideblo la teksaĵon de la homaj destinoj. La unua estas la forto. La alia, la intelekto. La alia... Tri malsamkoloraj fadenoj formas la teksfundon de la Historio. La blanka fadeno de la Intelekto iom post iom superas la nigran fadenon de la Forto. Sed estas tria forto. Sed estas tria fibro, ora fadeno, kiu volvas kaj harmoniigas la du ceterajn. La tria ŝpinistino estas Justeco. La homoj ne povas ĉesi ĝin ami en la fundo de siaj koroj. Ili revas pri tago kiam ĝi ekreĝos sur la tero. Tiuj estas la oraj tempoj profetitaj en la sanktaj libroj, kiam lupo sin paŝtos apud ŝafido kaj infano ludos en la aspida kaŝejo.

LUIS DE ZULUETA

*Esperantigis:* A. N. D.

## ŜPINILE MI LABORAS

(POPOLA VASKA KANTO)

Ŝpinile mi laboras, faden' ĉe la tali'
Kaj dume la vizaĝon larmplenan havas mi.
Ve, tiuj kiuj vidas ekstere mian penon.
—Nu, edziniĝu, diras, ĝojigu la mienon.
Mensogas ili, ĉar mi ne havas amĉagrenon.

(Ritmo v—vvv—v v—vvv—v)

# IXa KONGRESO DE H. E. A.

## LISTO EL ALIĜINTOJ

(*Daŭrigo*)

41. S-ro Pedro García.
42. » Fernando Redondo.
43. » José Núñez Rey.
44. S-rino Benita Alameda de Núñez.
45. S-ro Jaime Miró.
46. » Antonio Mármol Cordero.
47. » Juan Moros Ojeda.
48. » Isidoro Díaz Maqueda.
49. » Eusebio Madrid Blanco.
50. » Carlos Ramos Domínguez.
51. » Juan Serrano Olmo.
52. » Juan José Zornoza.
53. » Luciano Plaza.
54. » Francisco Azorín.
55. » Florencio Barandiarán.
56. » Antonio Pérez.
57. » Juan Calahorra.
58. » Víctor O. de Allende.
59. » Jacinto Martín.
60. S-rino Amalia Núñez.
61. S-ro Antonio Jiménez Verger.
62. » Miguel Rivas de Pina.

(*Daŭrigota*).

# AMUZAĴOJ

## ENIGMO

1 - 2 - 3 - 4 - 5 1 - 2 - 3 - 4 - 6 - 4 - 3

Jen du vortoj samtempe hispanaj kaj esperantaj. Sed hispane 1 - 2 - 3 - 4 - 5
signifas esperante 1 - 2 - 3 - 4 - 6 - 4 - 3
kaj hispane 1 - 2 - 3 - 4 - 6 - 4 - 3
signifas esperante 1 - 2 - 3 - 4 - 5

LA RONDA SINJORO